XIV[a] jaro. N° 213 (5) ☆ Monata ☆ Majo 1918

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO



Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo & Administrejo: 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)



## NUNTEMPAĴOJ

# PRI NIA ANTIPATIO KONTRAŬ TIO, KION NI VOLAS

Kvankam skribita antaŭ tri jardekoj, la jena artikolo de la fama aŭstria verkisto Rosegger restis — bedaŭrinde! — tute nuntempa. Kun intereso legos ĝin ĉiuj personoj, kiuj, kiel la Esperantistoj, fervore batalas por idealoj, kies efektivigo estus bonfaro por la homaro, kaj kiuj, malgraŭ tio, devas senfine barakti kontraŭ la rutino kaj malfavoro de la homoj.

Antipatio kontraŭ tio, kion ni volas? — Estas ja kontraŭsenca, ne komprenebla.

Eble ankaŭ ni estas tiaj.

Kiu ne senpripense rilatas kun la homoj, tiu estos frapata de multaj strangaĵoj, kiuj nur pro sia ofteco ne rimarkiĝas. Interalie mi ĉiam denove observas, ke la samaj homoj, kiuj senlace plendas kaj malbondiras pri la neperfektaĵoj de l' mondo, montras vere nervozan antipation kontraŭ proponoj kaj ideoj, kiuj alcelas plibonigojn. La samaj personoj, kiuj, ekzemple, spekulante konstruas la plej malverŝajnajn kastelojn en la aero, mokas kun certa veneneco pri planoj de aerveturado. Tiuj, kiuj ĉe ĉiu okazo plendegas pri la ŝarĝoj de la militarismo, fariĝas preskaŭ malĝentilaj se oni parolas al ili pri epoko, en kiu militoj inter civilizitaj popoloj ne plu okazos. La plej pacemaj amikoj deklaras la militon al tiu ideo de eterna paco kaj baraktas kontraŭ nura pripenso de tia idealo. La samaj, kiuj sopiras pro la malagrablaĵoj de la landlimaj kontroloj kaj pasportoj, — kiuj ne ĉesas kritiki la premiojn por eksportado, tiuj ankoraŭ pli multe malkontentiĝas se ili aŭdas pri interkonsenta internacia politiko, pri kosmopolitismo, kiel ŝtupo pli alta ol la malamika apartigo de la nacioj. Iu, kiu pro nescio de fremda lingvo povas nek vojaĝi, nek legi fremdlandajn verkojn, aŭ kiu dum la duona vivo penaĉis en la ŝvito de sia frunto lerni alian lingvon kaj tamen ne efike sukcesis — tiu trovos cinikajn spritaĵojn kontraŭ la bonintenca movado, krei internacian lingvon.[1] Kaj tio ankaŭ okazas en nia lando, kie la malbenita lingva disputo malĝojigas la vivon al miloj. Kiom da personoj ne krias kontraŭ ekleziaj formalaĵoj kaj pastra tutpovo, kaj ĉion akceptas kiel ŝafidoj. Kiom multaj kulpigas la izraelidajn komercistojn je malhonesteco, kaj, se ili ŝparas kelkajn monerojn, aĉetas ĉe la unua trompisto, tiel ruinigante la honestan vendiston. Kiu ne tremus ĉe la penso pri malsano? Sed seriozajn movadojn, kiel vegetarismo, reformo de la vestado, k. t. p., propagandataj por protekti la homan sanon, oni ridindigas ĉe la popolamasoj. Kiu ne rekonus la putrecon kaj danĝeron de la privilegioj, de la borsa ludado, de la procentegaj profitoj? Pro timo je personaj malagrablaĵoj, ĉiu ĉirkaŭiras blekante tiun problemon. Malmultaj estas la personoj, kiuj ne faras almenaŭ elegiajn konsiderojn pri la diferenco de riĉo kaj malriĉo, pri malĝusta divido de la havaĵo, pri merito kaj ĝia malo! Sed tuj kiam tiuj sinjoroj ion aŭdas pri iom radikala socialista reformo, eĉ pri reformo tute pacema, ili kontraŭstaras, klopodas nigrigi ĉiujn eblajn ombrojn de la projekto kaj tiel vekas malkuraĝon ĉe si kaj la aliaj. Malpraktike! ili diros en la plej favora okazo. Certe, ĉiu ideo estas malpraktika tiel longe, kiel la homoj kontraŭstaras. Ĉu do tio, kion vi volas, estas realigebla? Ĉu estas eble eviti revolucion, lasante ĉion kiel ĝi estas? Ĉu estas eble eterne apartigi unu nacion de la alia? Ĉu estas eble ekstermi viajn kontraŭulojn? Kaj se estus, ĉu tiam ni estus pli perfektaj?

Oni devus kredi, ke al tio, kion la homoj tiel varme deziras, ili koncentrigus sian penson kaj esperon. Sed kontraŭe: la idealiston, kiu unue levos la lumon por montri al ili, triumfante aŭ sangante el vundoj, la celon de iliaj propraj deziregoj, tian profeton ili mokos kaj mallaŭdos; ili baraktos kontraŭ la kredo je nura ebleco, kaj akrajn batalojn ili komencos kontraŭ tiu, kiu la unua provis tion atingi, kion en la fundo de la koro ili mem volas. Feliĉe senmortaj estas la ideoj, kiuj devenas el la homaj bezonoj. Se

[1] Tiu artikolo aperis laŭ nia scio inter 1880 kaj 1890. Verŝajne estas do aludata la lingvo Volapük, ne Esperanto. Restas la fakto, ke Rosegger, la verkisto el plej modesta kampara deveno kaj kun neregula instruo, vidis pli klare tiam ol multaj sciencistoj hodiaŭ. — *La tradukinto.*

la historio estus okazinta laŭ la „aliaj“, ankoraŭ hodiaŭ ni scius nenion pri la suna sistemo, pri Ameriko, pri la vaporforto kaj elektro; ni estus ankoraŭ servutoj kaj povus plej-bonŝance disputi kun monaĥoj kiel fartus la homaro, se Evo estus sole manĝinta la pomon, aŭ ĉu Kristo devis aŭ volis malsati, aŭ kiom da anĝeloj povas danci sur la pinto de pinglo. Ni ne estus lernintaj la pensadon, ne konscius pri noblaj sentoj, pri la valoro de faroj ĝenerale utilaj, pri libera destino de ni mem. Sed, estas nun tiel, la amasoj estas nemoviĝemaj; malgraŭ la belaj pretendoj al „progreso“ ili restas sur la sama loko, kaj anstataŭ kuraĝe entrepreni tion, kion ili volas, ili laboras kontraŭ.

Rilate al la militoj oni pretendas, ke ili estas en la naturo de la homoj. Sed kiu faras hodiaŭ la militojn? La popolo? Ne. La grandaj sinjoroj? La diplomatoj? Jes. Ĉu militoj estas entreprenataj per la koro? Ne, sed per la kapo, kun pripenso, ili ne estas ekflamigataj de ekscito, sed de ideo. Mi ripetas: ne la besta pasio puŝas unu armeon kontraŭ alian, sed la povo de arte kreita penso.

Socialaj kaj politikaj pensoj devenas el la principaj ideoj; ili estas edukeblaj kaj plibonigeblaj per la sperto de la vivo, — kaj tio estas mia espero. Nian celon ni atingos, sed per ĉirkaŭvojoj. Sur la rekta vojo ja staras, kun la tranĉilo en la mano, via pesimismo, via indiferentismo, aŭ simple — via malspriteco.

Multaj grandaj ideoj por la plibonigo de la homa sorto povas ŝajni nerealigeblaj, sed, ĉar ili alcelas la bonon, ili estas moralaj. Tial oni estimu ilin, kio ja estas malmulte por ilia subteno, sed almenaŭ io. Nemorale estas ridindigi aŭ persekuti iujn planojn, celadojn aŭ eltrovajojn faritajn por la komuna bono, nur ĉar ili ne povas esti efektivigataj nuntempe. La dubo igas nin labori, malespero nin simple lamigas. El ĉiuj fortikajoj kontraŭ la bono, kiujn la diablo konstruis en nia koro, la skeptikeco aŭ malespero estas la plej forta. En la penso, ke la homoj neniam *povos* interkompreniĝi, en tiu penso ĝuste kuŝas la ĉefa kaŭzo de la malamikeco. La ideo estas la ĝermo de ĉiuj agoj; veki bonajn pensojn estas semi feliĉan estonton.

Ju pli forte ni kredas je ideo, des pli vivforta ĝi fariĝas. Sekve mi ne kredas, ke ni povos fari por la estonto ion pli bonan, ol kutimigi niajn infanojn al la grandaj pensoj, el kiuj ni esperas la savon de l' mondo, fiksi en ili la konvinkon pri la ebleco de tio kion ni deziras. Alvenintaj jam al certa grado de civilizeco, kial ni devus halti je la duona vojo, kial ne kuraĝe progresi supren?

Vi do havas du vojojn: aŭ vi deziras pli bonan sorton kaj kuraĝas plenespere entrepreni ĝian alceladon, aŭ vi malesperas pri la estonto, tiam — tiam silentu. Sed ne daŭrigu, plendaĉante pri malbonaj cirkonstancoj, porti akvon en kribrilojn, skribi en sablon, kaj blankigi la negrojn.

Mi alte tenos mian esperon. Tra la erarigaj vojoj de via ficivilizo mi trovos mian vojon al la celo, kiun dumvive mi ne atingos, sed el malproksimo vidas. Iam la malpacoj de la nacioj kaj rasoj vaporiĝos en nebulo, malaperos la aŭtoritataj dogmoj, falos la moralaj baroj inter la klasoj. La morala libereco kaj la digno de la homoj regos, venkos la vero kaj taŭgo, estos racio en la vivmaniero kaj intima kompreno de la belo en la naturo kaj arto. La scienco ne plu premos la korojn de la homaro kiel hodiaŭ, sed ilin liberigos; la homoj denove fariĝos gajaj, esperemaj kaj feliĉaj. Ne perfortaj okazintajoj plenumos tian ŝanĝon, nek la tertremoj de la popoloj, nek la fulmotondroj de la regantoj, ĉar ĉiu perfortigo, eĉ la plej bonintenca, malklarigas niajn ideojn de devo kaj rajto kaj kondukas en abismojn, anstataŭ nin suprenigi. Ĉiu skeptikeco ne plu povos plene mallumigi la vidon al nia alta celo; el tiu vido, kaj dank' al la hodiaŭ priridataj ideoj, io granda elkreskos.

La homo estas besto, tiel longe kiel li volas. La estonto sunklare pruvos, ke li estas kreita el pli bona materialo. Tion oni ja vidas jam nun kaj ĉiam povis vidi. Sekve kial vi baraktas? Kial vi propagandas la plifortigon de la armeoj anstataŭ la pacon? Kial vi volas doni almozojn al la petantoj anstataŭ penadi por la forigo de la malriĉeco? Kial vi postulas la liberecon de la individuo, se vi apartigas la popolojn? Kion vi babilas pri batalo kontraŭ la egoismo persona, dum unu nacio rajtas profiti de la alia, pro la sola kaŭzo, ke ĝi estas pli forta? Kion vi parolaĉas pri libereco de la konscienco, se vi ne volas forigi la antaŭjuĝojn inter la klasoj, la religioj, la popoloj? Kial vi estas tiel krudaj kontraŭ la malsata vagulo, kiu ne trovas laboron, kaj tiel humilaj kontraŭ la grandaj parazitoj de la societo, kiuj ne volas labori?

Mi legos al vi ĉapitron el la evangelio de l' estonto. La infano havos, senkonsidere pri sia familio, nur tiujn rajtojn kaj profitojn, kiujn ĝi akiros mem. Certe ĝi apartenos unue al la patro, kiu ĝin kreis kaj al la patrino, kiu ĝin naskis. Sed poste ĝi elkreskas, ĝi apartenas al la instruisto, kiu ĝin lernigas, al la hejmolando, kiu ĝin edukas, al la patrujo, en kaj per kiu la homo fariĝas efika, kaj fine ĝi apartenas al la homaro, kun kiu ĝi devas unuiĝi. — Kaj Dio? vi demandas. Mi diras kun eminenta Franco: patro, patrino, instruisto, hejmolando, patrujo, homaro, jen la ŝtupoj de la ĉiela ŝtuparo. Kaj kiu atingis la lastan ŝtupon, tiun Dio akceptos en siaj brakoj.

*P. Rosegger.*
Trad.: *Ed. Stettler.*

 SOCIA VIVO 

## La postmilita ekonomio

Walther Rathenau estas unu el la ĉefaj gvidantoj de la germana industrio. Dum tiu ĉi milito li ludis gravan rolon kiel ekonomia konsilanto de la registaro kaj organizanto de la aĉetaj centroficejoj. Lia influo estas granda en la industriaj rondoj. Ŝajnas do interese ankaŭ por alilandanoj ekkoni liajn ideojn pri la postmilitaj ekonomiaj problemoj, kiuj pli-malpli same prezentiĝos en la diversaj landoj de Eŭropo. Klariginte siajn ideojn, sub iom mistika formo, en dika libro „Von kommenden Dingen“ (Pri venontaĵoj), li jus resumis ilin en broŝuro sub la titolo „Die neue Wirtschaft“ (La nova ekonomio).

Rathenau estas la apostolo de la granda moderna industrio, forte koncentrata en la manoj de potencaj karteloj. Senkompata li estas al la malgrandaj entreprenoj, kiuj laŭ li estas malaperontaj; senkompata ankaŭ al la malgrandaj akciuloj, al kiuj mankas ekonomia aŭdaco; ili prefere prunte metu sian monon en entreprenoj kun fiksa rento!

Li opinias, ke en ĉiuj landoj la milito akcelos la komencitan evoluon al la industria koncentriĝo; tiu evoluo fariĝos eĉ vera revolucio. La nacioj en sia intereso ne devas malhelpi tiun movadon, sed ĝin helpi kaj direkti. La daŭron de la „transira periodo“, kiu sekvos la militon, oni tute ne povas antaŭkalkuli. Morgaŭ kiel hodiaŭ oni devos minimumigi la importojn por ne malfavori la monŝanĝon; oni importos precipe krudan materialon kaj kiel eble malplej da luksaj objektoj (Rathenau traktas tion rilate al la vidpunkto germana). Oni precipe devos eksporti. Estos necese, ke la industrio kaj la komerco restu submetataj al severa disciplino. Oni devos rezigni la malnovajn duonrimedojn, kiel la protektaj tarifoj, la impostoj kaj la monopoloj, kaj kuraĝe

**akcepti novan programon, kiu en la intereso de la socio malpligrandigos la industrian liberecon kaj la individuan rajton.**

La tasko realigi la ekonomian transformon apartenos ne al la ŝtato mem, kiu estas malmulte komprenema pri la industriaj necesaĵoj, sed al sindikatoj laŭ nova modelo. Dum la ĝisnunaj sindikatoj celas precipe la protektadon de fakaj, do egoistaj, interesoj, la novaj sindikatoj aŭ karteloj devos esti organoj de ĝenerala intereso. Ili cetere ne subpremos la personecon de siaj membroj. La sindikato konservos la individuajn iniciatojn kaj prirespondojn en memstara organismo. Oni penos akordigi la liberecon kaj la kolektivismon.

Kio estas sindikato laŭ la ideo de Rathenau? En sia jura formo ĝi malmulte diferencas de ordinara sindikato. Ĝi estas akcia societo, en kiu partoprenas la apartaj entreprenoj de sama fako proporcie al sia produktado. Ili ne estas liberaj aliĝi aŭ ne aliĝi: ili devas aliĝi, eĉ se ili ne volas. Sed ne ĉiu entrepreno povas eniri en la sindikaton. Tiu ĉi rajtas ne enlasi entreprenojn, kiuj ŝajnas al ĝi administrataj ne konforme al la postuloj de racia ekonomio: la pruvon de tia malbona ekonomia mastrumado liveros la ekzameno de la administraj elspezoj kaj de la kostoj. Fabrikejo, kiun tia ekzameno montras ne taŭge aranĝita, estu fermata kontraŭ monkompenso, aŭ estu reaĉetata de la sindikato. Al neniu entrepreno, individuo aŭ korporacio, estu permesote, malaltigi la nivelon de la nacia produktado.

La sindikato aŭ profesia unuiĝo de produktantoj estas leĝe rekonata de la ŝtato, kiu devas ĝin kontroli kaj samtempe kunlabori. Tiu kontrolo ampleksas la tutan agadon de la sindikato: administro, helpo al laboristoj, dispartigo de la profitoj. Necesa estas la kontrolo de la ŝtato por eviti, ke la profesia unuiĝo fariĝu fermita oligarĥio, grupiĝo malfavore rilatanta al la novajoj kaj elpensoj. Dank' al la aktiva kontrolo de la ŝtato, kiu reprezentas la tutan socion, la novaj sindikatoj ne similos al la rutinemaj korporacioj de la pasinta tempo.

Ĉiu entrepreno partoprenanta en la unuiĝo liveros siajn produktaĵojn al la sindikata centro, kiu fiksos la vendoprezojn pogrande kaj pomalgrande, kaj dekalkulos la produktojn poste prilaborotajn. Eĉ la fabrikejo, kiu konsumas siajn proprajn produktaĵojn, devos pagi tiun prezon.

Sole la unuiĝo aĉetos la krudan materialon, organizos la eksportadon, serĉos vendregionojn, prizorgos la pagrimedojn, plibonigos la organizon de la laborejoj, favoros la plivastiĝon de la bone administrataj entreprenoj, laŭbezone eĉ kreos modelajn fabrikejojn. Ĝi enkondukos unuformajn tipojn kaj malpligrandigos la nombron de la tipoj. Kie la publiko devis elekti kaj heziti inter 17,000 modeloj de antaŭtukoj aŭ de ŝelkoj, ĝi elektos nur inter 2000, el kio rezultos ŝparo de tempo kaj peno. Neniu troa profito estu permesata. La leĝo pri la militprofitoj servos kiel modelo. Elpreninte moderan renton por la kapitalo, oni dividos la superprofiton: parto iru al la ŝtato, parto al la laborista helpado kaj al la plibonigo de la salajroj; parto al la industriaj produktistoj, parto por perfektigi la produkton kaj malaltigi ties vendoprezon.

Al tiu reĝimo oni ne tuj devos submeti ĉiujn industriojn, ĉar ne ĉiuj estas egale maturaj por tia transformo. La teksindustrioj estas pli maturaj ol la hotel-industrio, kiu siavice estas pli progresinta ol la pomalgranda negoco.

Super la *profesiaj unuiĝoj* (koton-teksejoj, fer-prilaborejoj, pograndaj tolaj-farejoj, k. t. p.) ekzistos *industriaj unuiĝoj:* ĉiuj industrioj de l' kotono, de l' fero, de la lino, de la ligno, k. t. p. Tiuj unuiĝoj ludos rolon de perilo kaj ligilo inter la diversaj branĉoj. La industriaj unuiĝoj konsideros ĉiujn bezonojn de la interna vendrondo kaj de l' eksporto, ricevos ĉiujn mendojn tiel de la ŝtato kiel de la malgranda negocisto. Tiu aranĝo prezentos la utilon, ke ĉiu spertulo scios je regulaj datoj kiom da reloj, kaldronoj, fadenoj, vitroj, ĥemiaj produktoj, k. t. p. estos bezonataj. Oni do povos starigi fabrikprogramojn, dispartigi la taskojn, malaltigi la koston de la produktado, malhelpi la troipleniĝon de la deponejoj, faciligi la trafikon, ŝpari kapitalojn kaj rentojn, mallonge, kreskigi la produktan kapablon.

La rilatoj inter la unuiĝoj okazos sen perulo; la centra unuiĝo agos rilate al la subaj organizajoj kiel kompensorgano. En la financa organizo la „clearing house" evitigas monsendojn; tiel same la industriaj unuiĝoj ŝparigos senfinan kvanton da filioj, vojaĝistoj, magazenoj kaj paperajoj. Kiom da fortoj kaj tempo, nun perdataj, estos tiam regajnataj!

Tiaj estas, koncize resumitaj, la ideoj de Rathenau pri tio, kio devas esti la postmilita ekonomio. Estas en tiu industria kaj produktema socialismo io grandioza, sed ankaŭ io rigida, kio eble iom tro eliminas la fantazion kaj la liberecon. Ili ankaŭ — oni tion ne forgesu — estas iafoje kreemaj.

Laŭ *Prof. Henri Hauser.*
Trad.: *A. R.*

---

## La turka virino

Kiel ĉiuj Mahometaninoj, la turka virino estis viktimo de socia kaj jura reĝimo, kies originon oni serĉu pli en la antaŭ-Islama kutimo de Arabio ol en la Korano, la sankta libro de Islamo. Oni ofte demandis, kial la Korano, kiu montriĝis tiel reformema kaj bonfara en religia kaj socia rilato, konfirmis staton tiel nejustan por la virino. Ekzistas kleruloj, kiuj opinias, ke en tiu epoko la cirkonstancoj ne estis favoraj por radikala reformo de la virina problemo. La poligamio estis tiel disvastiĝinta en Arabio, kiam aperis Mahometo, la virino tiam estis tiel malmulte estimata, ke al plena reformo kontraŭstaris ne supereblaj malfacilaĵoj. La Korano ĝuste havis la meriton, ke ĝi limigis la poligamion, ne permesante al la Mahometanoj, havi pli ol kvar laŭleĝajn edzinojn. Aliaj opinias, ke pli serioza reformo estus tiam ebla kaj riproĉas al la Islama profeto, ke li tro malmulte zorgis pri la rajto de la virinoj.

Ĉu ĝi estas la kulpo de la profeto aŭ de la cirkonstancoj, estas nun nediskuteble, ke al la Mahometanaj popoloj sin trudas la virina demando sub sia plej elementa formo, nome la emancipo de la virino el la edza jugo.

El la libro „La seniluziulinoj" („Les désenchantées") de la fama verkisto Pierre Loti, kiu ĉiam vigle interesiĝis pri la demandoj de la Mahometana socia vivo, oni povis juĝi pri la situacio de la turka virino. Oni tie legas la priskribon de la malĝojo kaj angoro de la Mahometanino en la intimeco de ŝiaj pensoj kaj sentoj. Ŝi vivas enfermita inter la muroj de sia domo; eksteren rigardi ŝi povas nur tra fenestretoj similaj al tiuj de karcero; kiam ŝi aperas sur la strato, ŝi devas esti vualkovrata. Ŝiaj vivkondiĉoj rememorigas pri la malĝoja ekzisto de la rusaj virinoj de l' gineceoj (terem) antaŭ Petro la Granda.

Sed precipe en la familia juro montriĝas la malsupera situacio de la Mahometanino. Rilate al edziniĝo ŝi, kiel oni jam scias, devas toleri la eventualan apudestadon de tri aliaj edzinoj de sia edzo; rilate al eksedziĝo ŝi havas nenian rajton, kaj la edzo povas ŝin rezigni per simpla deklaro.

Al la Mahometanino povus aplikiĝi la vortoj, kiujn en 1876 skribis Victor Hugo al tiama konata feministo Richter: „La viro havas sian leĝon, kiun li kreis al si mem; la virino havas nenian alian leĝon ol la leĝon de l' viro . . . La viro donas al si ĉiujn rajtojn kaj al la virino ĉiujn devojn."

Kia pli malĝoja situacio ol tiu de virino, kiu hejme devas resti enfermata, ekstere vualata, kaj toleri la poligamion, eĉ ne havante la rajton al eksedziĝo, kiun rezervis al si la viro?

La unua publika protestado de la Mahometana virino okazis en Ruslando, kie en la monato majo 1908, certa nombro de Mohametaninoj prezentis al la Duma petskribon por la malfermo de virinaj lernejoj, la permeso plenumi la religian devon en la moskeoj kaj la rajto komercadi. Tiu petskribo havis la jenan komencon: „Kvankam nia religio al ni donis la liberecon kaj nin liberigis el la jugo de l' sklaveco, tamen kelkaj el niaj edzoj ne ĉesas nin tirane traktadi . . .“

Tiu kuraĝa klopodo koincidis kun alia okazintajo, kiu estis bonfara por la virina celado en Turkujo. Uzante la relativan liberecon, kiun al ili donis la turka konstitucio de 1907, Mahometaninoj de tiu lando fondis feministajn societojn kaj komencis publikigi revuon por la defendo de siaj justaj postuloj.

Nuntempe, dank' al ilia agado kiel ankaŭ al la socia reformema spirito de certaj registaraj rondoj de Turkujo, ni ĉeestas gravan revolucion en la familia juro kaj en la socia situacio de la turka virino. Laŭ informo el Konstantinoplo, gravan modifon en la edzecaj leĝoj de Turkujo jus sankciis la Ĉeik-ul-Islam (ministro de religiaj aferoj). Laŭ la nova leĝo, ĉiu edziĝo devas esti konkludata antaŭ juĝisto, post publikigo de l' akto kaj antaŭa enskribo. Aliparte la virino ricevas la rajton eksedziniĝi, kiu ĝis tiam estis la ekskluziva privilegio de la viro. Plie la poligamio estas limigita tiusence, ke kiam edziĝo estas konkludita sub la kondiĉo, ke la edzo ne prenos duan edzinon, la unua edzino rajtas, en la okazo se tiu kondiĉo ne estas respektita, peti la nuligon de unu aŭ de la alia el tiuj edziĝoj.

Tiu reformo estas salutinda kiel bonfara konkerajo de la civilizo, kaj esperebla kiel paŝo al la kompleta emancipo de la Mahometana virino.

*D-ro E. Durmussis.*
Trad.: *A. R.*

---

## La virina elektrajto en 1917

La virina elektrajto estis ĉiam konsiderata de kelkaj rondoj kiel malgrava faktoro en la socia ordo. Sed la fakto, ke en tiu ĉi tempo, kiu estas tiel plena je gravaj okazintajoj rilate al la ŝtata vivo, estas ĉie diskutata kun pli granda intenseco ol iam la demando pri la virina elektrajto, kaj en la pasinta jaro pli ol en la antaŭaj estis atingitaj *pozitivaj rezultatoj*, atestas, ke la graveco de tiu demando hodiaŭ estas rekonita en la politikaj rondoj.

Estas supozeble, ke precipe en la militantaj ŝtatoj la kunlaboro de la virino por la konservo de la ŝtato, kaj la ekzisto de la patrujo, ĉu ĝi estas farita en la fabriko, ĉe la produktado, en la administro aŭ aliloke, estas la ĉefkaŭzo, kial la publika opinio hodiaŭ ne plu tiel malfavore kiel antaŭe kontraŭstaras al la postulo de la virina elektrajto. La rekono de la virina laboro estas hodiaŭ memkomprenebla kaj en ĉiuj diskutoj pri virina elektrajto ĝi valoras kiel plej bona argumento; sed se ĝi estus sole efikanta, la militantaj ŝtatoj devus favori la virinan elektrajton hodiaŭ ankoraŭ pli ol ili jam estas pretaj ĝin fari.

Kiel en *Germanujo* tiel ankaŭ en *Aŭstrio* estis faritaj de socialdemokrata flanko interpeloj por la atingo de la komunuma virina elektrajto, sed ĝis hodiaŭ sen granda sukceso. La germana Reichstag rifuzis koncernan peton de la germana imperia ligo por virina elektrajto. Pli rapide ol en Germanujo kaj Aŭstrio ŝajnas sukcesi la novaĵo en *Hungario*. Tie estis proponita al la parlamento projekto pri la elektrajto, kiu alportus la aktivan kaj pasivan elektrajton al virinoj super dudek-kvar jaroj, tamen kun ankoraŭ kelkaj limigantaj kondiĉoj. Ŝajnas, ke ĝi estos akceptata. — En *Francujo* estas proponita leĝa projekto por la komunuma elektrajto de l' virinoj, ĝiaj anoj tamen atendas jam de longe vane ties diskuton; ŝajnas ja, ke ili ne havas malpravan esperon. — *Britujo* faris la plej grandan paŝon. Post kiam la nova elektrajta projekto, kiu alportas al ĉiuj virinoj super tridek jaroj la plenan elektrajton, estis akceptita kun 329 voĉoj kontraŭ 40 en la Komunuma Ĉambro — Asquith, la iama forta kontraŭulo favore rekomendis ĝin tie kiel parlamentano — ĝi estas nun akceptita de la Alta Ĉambro kun 134 voĉoj kontraŭ 69. En la diskutoj la konstato de la grava virina laboro dum la milito efikis kiel plej forta argumento; sed oni ankaŭ rekonis la politikan maturecon de la virino kaj la justecon de ŝia morala postulo al emancipo. La jardeka trafa laboro de la feministinoj do ne estis seninflua. Ĉirkaŭ 6 milionoj da virinoj estos de nun elektrajtaj por la parlamenta baloto. — En *Italujo* leĝa projekto pri la elektrajto de la virinoj okupis unuafoje la Ĉambron en 1917. Kvankam oni per tio ne devas esperi baldaŭan rezultaton, tio tamen montras, ke la elektrajta movado en Italujo estas samvica kun tiu en la aliaj eŭropaj ŝtatoj. — En *Rusujo* la granda sociala transformado alportis al la virinoj la plenan politikan emancipon. Virinoj elektas kaj estas elektataj, ili partoprenas aktive ĉe la regado de sia lando, parte ĉe tre respondplenaj oficoj, sed nur la estonteco montros, ĉu tiuj ĉi novigoj daŭre restos. — En *Nederlando* la virinoj estas en iom kurioza situacio: ili estas elekteblaj kiel membroj de la parlamento sed ne povas elekti. Tiamaniere la antaŭviditaj virinaj kandidatinoj ĉe la balotoj okazontaj tiun ĉi jaron dependos senescepte de la vira elektantaro. Certe la nuna tasko de la nova parlamento devas esti la prilaboro de jam proponita elektprojekto, kiu donas al la virinoj la plenan elektrajton. — En la *nordaj ŝtatoj*, kiuj, jam de post jaroj, montris komprenon pri la postuloj por virina elektrajto, estas denove notindaj progresoj. *Danujo* havis okaze de l' transdono de danaj Antilioj al Usono sian unuan plebisciton kun partopreno de la virinoj. En *Svedujo*, kies virinoj posedas la komunuman elektrajton, la socialisto Branting postulis la plenan virinan elektrajton, subtenata de la fervore kaj grandsukcese laboranta sveda ligo por virina elektrajto. La virinoj de *Norvegujo* posedas la aktivan kaj pasivan elektrajton.

En *Svisujo* oni aŭdis dum la pasinta jaro pli ol en la antaŭaj pri la virina elektrajto. En Basel, Bern, Zürich, Genève, Neuchâtel, nun ankaŭ Solothurn kaj Vaud la virinaj rajtroj estis diskutataj ĉe politikaj rondoj. En specialaj partoj, kiel elektebleco kaj elektrajto por industriaj arbitraciaj tribunaloj, preĝeja elektrajto, elektebleco en lernejflegado, en la komisiitaroj por la malriĉuloj kaj por la higieno, en komisionoj de la prizorgo por la junularo kaj infanoj, k. t. p., kelkaj sukcesoj estas citindaj.

Ni volis limigi nian raporton al eŭropaj ŝtatoj. Sed la jarfino 1917 alportis al Usono tiajn profundajn novigojn en la fako de la virina elektrajto, ke ĝi ne devas esti necitata. Post kiam en novembro 1917 la ŝtato New York, kiel dudeka en Usono, enkondukis la virinan elektrajton, estas nun akceptita de la Reprezentantaro kun 272 voĉoj kontraŭ 136 leĝa propono por la dono de la elektrajto al la virinoj de tuta Usono. Tiamaniere estas enkondukita per unu bato la virina elektrajto en la amerika ligŝtato, supozite, ke la leĝdonaj aŭtoritatoj de ĉiu ŝtato donos sian konsenton al tiu konstitucia ŝanĝo.

Trad: *Marg. Iv. Kr-off.*

---

## La Orienta Universitato

Ĉiu Esperantisto, kiu legis la „Fundamenta Krestomatio“ de D-ro Zamenhof, konas la historion pri la internacia universitato por memlernuloj en la ŝtato Nov-Jorko, ĉe la bordo de la lago Chautauqua.

Ekzistas tamen ankoraŭ alia universitato por memlernuloj en Usono, nome la Orienta Universitato en Washington. Tiu universitato, kiu estas orienta universitato por okcidentuloj kaj okcidenta universitato por orientuloj, estas fondita en 1903 kaj ebligas al la studentoj leĝan promocion per korespondado. Plie ĝi celas:

1e Alporti la sciencon de l' Oriento, t. e. spiritualismo, al la Okcidento, kaj tiun de l' Okcidento, nome pozitiva scienco, al Oriento.

2e Alporti universalan superan edukadon al ĉiuj klasoj kaj studi novajn metodojn por plenumi tiun taskon. La uzitaj metodoj enhavas instruadon de individuoj kaj klasoj, kursojn, ekzamenojn kondukatajn de komisionoj el diverslandaj ekzamenantoj, kaj tiel korespondan instruon kiel skribajn ekzamenojn.

3e Unuigi per eduka laboro ĉiujn naciojn, sen diferenco pri raso, kredo, sekso, k. t. p. Sciante, ke diferencoj ekzistas pro diversaj statoj en la kreskado de l' anima vivo kaj pro diversaj medioj, tiu universitato provas kapabligi ĉiujn lernantojn por pribatali la vivmalfacilajojn. La Universitato celas instrui la veron pri la eterna anima progresado per scienco, filozofio kaj religio de supera spiritualismo nomata teomonismo.

4e Altigi la homaron al stato de ekonomia kaj socia aranĝo, kiu lasos al ĉiu persono veran sendependecon. La rezultatoj de tia instruado estos pli bona saneco de korpo kaj animo, pli multe da beleco kaj gajeco en la vivo, malpli da civilaj leĝoj kaj pli veraj moralaj principoj.

5e Unuigi en granda akademia societo ĉiujn virojn kaj virinojn, kiuj akceptas tiujn principojn kaj serioze laboras por ilia efektivigo.

La instrumetodo de la Orienta Universitato estas ne la sama kiel tiu de la Universitato en Chautauqua, kiu fine estas legokurso. La Universitato rekomendas librojn, sed la studento mem devas trovi sian vojon. Ĉiumonate li devas sendi raporton pri sia studo al la Universitato, kiu resendas ĝin al li kun rimarkoj de la koncerna profesoro. Krom la koresponda instruo, oni povas ankaŭ studi ĉe la Universitato mem, kies profesoroj loĝas en Washington aŭ aliloke.

Ĝis nun ekzistas en la Universitato la sekvantaj kursoj:

1e La Supera Lernejo (High School), kie oni ricevas preparan instruon.

2e La Kolegio (The College), kiu estas dividata en klasika fako, Latin-Amerika fako, afera fako — tie ĉi oni ankaŭ instruas Esperanton —, maŝina fako, aeroplana fako, industria kaj metia fako, civilserva fako kaj muzika fako.

3e La Teologia Lernejo, kun fakoj teologia, sociologia kaj religia.

4e Filozofia Lernejo, dividita en fakoj por filozofio, filologio, pedagogio, artoj kaj literaturo, ĵurnalismo kaj dramo.

5e Jura Lernejo, kun fakoj por nacia juro kaj por internacia juro kaj diplomatio.

6e Medicina Lernejo, dividita en kuracista kaj dentista fakoj.

7e Orienta Seminario, kun fakoj Hinda, Ekstrem-Orienta, Okcident-Azia, Afrika, Eŭropa, Amerika kaj Oceania.

La Universitato estas moderna, progresema, internacia kaj nedependa.[1] Tezoj kaj disertoj devas esti skribataj angle aŭ germane, kaj se necese ankaŭ france kaj hispane. Ni esperu, ke Esperanto ankaŭ estos baldaŭ allasata!

*C. Chr. Droogendijk.*

[1] Kiu volas scii pli multe pri tiu universitato, skribu al: Oriental University, 1702, Oregon Ave., N. W., Washington, D. C.

## ✿ NOTOJ ✿

∴ **Imposto pri luksaj objektoj en Francujo.** — Tiu imposto, kiu ĵus estas enkondukita en Francujo, estas kurioza ekzemplo de la financaj leĝoj, kiujn la milito necesigis. De nun, kiam iu en Francujo aĉetos unu el la subaj artikoloj, li devos pagi 10 % plie al la ŝtato:

1. Fotografaparatoj kaj akcesorajoj. — 2. Aŭtomobiloj. — 3. Oraj kaj platinaj juveloj. — 4. Bilardoj. — 5. Trikotaĵoj kaj silkaĵoj. — 6. Artaj bronzaĵoj. — 7. Ĉevaloj, poneoj, azenoj, muloj. — 8. Antikvaĵoj kaj kolektobjektoj. — 9. Brando, aperitivoj, likvoroj. — 10. Ĉaspafiloj. — 11. Ĉasbestoj. — 12. Jungilaroj. — 13. Juvelartaĵoj. — 14. Artaj eldonaĵoj. — 15. Livreoj. — 16. Oraj aŭ platinaj poŝhorloĝoj. — 17. Orartaĵoj. — 18. Parfumoj kaj ŝmiriloj. — 19. Peltraĵoj. — 20. Perloj. — 21. Pianoj (krom la ordinaraj). — 22. Diamantoj. — 23. Orientaj tapiŝoj, malnovaj tapetaĵoj. — 24. Trufoj, trufpastecoj, kortobirdoj. — 25. Rajdaj roboj. — 26. Plezurŝipoj, jaĥtoj.

Kvankam tiu listo jam estas longa, ekzistas ankoraŭ pli longa listo de objektoj, pri kiuj oni pagas la 10 % imposton nur se ili superas certan sumon. Jen kelkaj ekzemploj kun indiko pri la minimumo: Vestaj akcesoraĵoj, pli ol 10 Fr. — Handoj, 40 Fr. — Parizaj artikoloj, 10 Fr. — Fumartikoloj, 10 Fr. — Bicikletoj, 250 Fr. — Korpaj tukoj, 20 Fr. — Bastonoj, 10 Fr. — Virin-ĉapeloj, 40 Fr. — Vir-ŝuoj, 50 Fr. — Virin-ŝuoj, 40 Fr. — Infan-ŝuoj, 25 Fr. — Korsetoj, 50 Fr. — Bombonoj, 8 Fr. — Floroj, 10 Fr. — Kompletkostumoj, 200 Fr. — Lampoj, 50 Fr. — Vojaĝkofroj, 100 Fr. — Speguloj, 20 Fr. — Vino, po botelo 5 Fr. — Mebloj, po ĉambro 1500 Fr.

∴ **La kresko de la japana loĝantaro.** — La nombro de la loĝantoj de Japanujo atingis 37,8 milionojn en 1885; 42,2 milionojn en 1895; 47,6 milionojn en 1905; 50,9 milionojn en 1910 kaj 57,4 milionojn en 1915. La ciferoj por la grandaj urboj en 1916 estas: Tokjo 2,281,420; Osaka 1,518,670; Kjoto 549,770; Kobe 529,860; Yokohama 444,010; Nagoja 404,150. En tiuj ses grandaj urboj la kresko ne estis malpli ol 4 % de post 1915.

## Versaĵoj

de **Heinrich Heine**

*Printempe en dolĉega Maj'*

Printempe en dolĉega Maj',
Dum la burĝonoj krevis,
El mia koro ĝerme
Amsento sin eklevis.

Printempe en dolĉega Maj',
Dum birda kanto sonis,
De l' kora mi sopiro
Konfeson al ŝi donis.

*Milde pasas tra la kor'*

Milde pasas tra la kor'
Dolĉa harmonio;
En printempo sonu for
Eta melodio.

Al floranta idili'
Flugu vi sonore;
Se renkontos rozon vi,
Ĝin salutu kore!

*Kie estas la plej kara?*

Kie estas la plej kara,
Kiun mi prikantis rime,
Kiam sorĉaj, ardaj flamoj
Alten levis min senlime?

Estingiĝis tiuj flamoj,
Malvarmiĝis jam la koro;
Tiu ĉi versaj' entenas
Amo-cindron je memoro.

Trad.: *Friedrich Pillath.*

 LITERATURO 

# Tri siluetoj sur la vojo de Gorubleni[1]

Rakonto de **Elin Pelin**

*Elin Pelin* (pseudonimo de Dimitr Ivanov) estas unu el la plej junaj bulgaraj autoroj, kiu enportis en la bulgara literaturo verkojn plenajn je freŝeco kaj natura beleco — veraj bildetoj desiritaj de l' kampa naturo pentrantaj la vivon precipe de la vilaĝa maso. Plej fama li estas kun siaj humoraj versoj, rakontoj kaj dialogoj en la dialekto de *Ŝopi* (= vilaĝanoj en la ĉirkaŭaĵo de Sofia).

Piĵo kaj Pendo aĉetis kune malgrandan bareleton da bela trobakita brando kaj decidis sekrete ĝin vendi al siaj najbaroj en la vilaĝo kaj tiamaniere gajni iun kaj alian groŝon.

Kun tiuj dolĉaj esperoj ili elŝovis sin el la urbo triope. Triope, tio estas Piĵo, Pendo kaj la ĉevalinaĉo Lama Gana, sur kies selo balanciĝis la malgranda bareleto da multekosta fluidaĵo.

La tri kamaradoj fervore ekpaŝis sur la ebena cara ŝoseo, silentaj kaj enpensiĝintaj. Gana, kvankam ĝi iom lamis, marŝis vigle, tirata de siaj karaj rememoroj al la vilaĝo, kiun ĝi jam du—tri tagojn ne vidis. Ho, kiel ofendita estis ĝia sankta bonmoreco en tiu granda urbo! Tutajn du tagojn ĝi restis tie ligita en vasta ĉevalejo inter tiom da ĉevaloj kaj virĉevaloj, kiuj tutan nokton adresis malĝentilajn blekojn al ĝi, mokridis senhonte kaj provis ĝin kisi, malgraŭ ĝiaj malesperaj protestoj.

Nun la malvarmeta venteto, venanta de Vitoŝa-montaro, refreŝigis ĝian animon kaj forblovigis la enuon el ĝia ofendita koro. Puraj kaj trankvilaj vilaĝaj revoj invadis ĝian kapon.

Piĵo kaj Pendo longe marŝis silente post ĝi, ĉiu profundiĝinta en siaj meditoj kaj zorgoj; fine ili malligis la politikon.

— Diru ion, Piĵo!

— He, kion mi diros al ci, Pendo.

— He, diru kiajn novaĵojn ci sciiĝis en la urbo. Mi, jen, pro malbenita drinkado, ne povis la nazon montri de la drinkejo eksteren. Mi iris dungi ŝin, la knabinon, ĉe gesinjoroj apud la Weissmuelejo. Bonaj homoj, kaj bonan monon ili donis, sed ci pardonos, la sinjorino ŝajnas iom frivola, ke mi timas.

— Hi, Piĵo, kia ci ja estas... Kiel ci ekkonis, ke ŝi estas frivola?

— Ha, frivolan virinon, ebrian popon kaj viran azenon, ci pardonos, oni de malproksime ekkonas.

— Lasu tion, Piĵo, sed mi soifas, malbenita akvo, ĝi mankas.

— He, ci toleros, hometo.

— Kial ja mi toleros por turmenti mian animon! Jen... donu de l' brando por gluti iom.

— Hej, Pendo, pensu — kunula ĝi estas — fajro ĝi estas.

— Kunula aŭ ne, mi soifas. Ĉu ci volas, ke mi krevu. Nu ĉerpu iom!

— Mi ĉerpos al ci, sed se ci donos spesdekon. Almenaŭ la monon por ĝi ne perdi, oni ja vidas.

— Unu spesdekon mi havas — jen ĝi, ĉerpu, pro soifo la okuloj eliros.

— P-tru!... Haltu, Ganja, haltu!

Piĵo haltigas Laman Ganan, ĉerpas al Pendo por unu spesdeko brandon en ladglaseto kaj donas ĝin al li.

— Je via sano, Piĵo!

— Sano ne manku al ci, Pendo!

Pendo turnis la glaseton, Piĵo prenis lian spesdekon, ili puŝis Laman Ganan kaj ekiris post ĝi.

Ili marŝas kaj silentas, silentas kaj marŝas.

— Hej, Pendo, ankaŭ mi eksoifis, aŭdigis sin iun tempon Piĵo.

— He, ci toleros, hometo, akvo proksime malestas.

— Ha, mi ne volas akvon, alie min brulas, alion mi soifas, sed mi ne scias kion...

— Ĉu ne estas brando, Piĵo!

[1] Vilaĝo en la ĉirkaŭaĵo de Sofia.

Piĵo gratas sin je la kolo:

— Eble ĝi estas...

— Pensu bone, Piĵo — kunula ĝi estas — fajro ĝi estas.

— Nu ĉerpu iom da tiu fajro, por estingi la alian, Pendo. Ĉerpu al mi por spesdeko. Por ke mi ne mortu mezvoje de soifo.

Nun Pendo haltigas Ganan, ĉerpas brandon al Piĵo kaj ĝin donas al li. Li ĝin prenas kun tremanta mano:

— Je via sano, Pendo!

— Sano ne manku al ci, Piĵo!

Piĵo glutis la brandon, viŝis per plenmano siajn pendantajn lipharojn, donis al Pendo la spesdekon, kiun li estis preninta de li, kaj ili ambaŭ denove ekiris post Lama Gana.

— Se ne pli, almenaŭ unu spesmilon ni gajnos de tiu malbenita fluidaĵo, kiun ni veturigas, diris Piĵo.

— Kaj se ni donas neplene, ni gajnos eĉ plimulte.

— Nur silentu, por ke la *cincaro*[1] ne aŭdu, ĉar la Iskar-rivero ne povos nin lavi.

— Kiu, ĉu la cincarino?

— Vidu! Kie oni lin frapas kaj kie li krevas!

— Mi ja tiel diras, sed se mi metos tie ĉi la cincarinon, tie ĉi la bareleton kun la brando kaj diros: nun elektu!... Kion vi prenos, ha?

— Mi pripensos iom, Pendo.

— Nu mi ankaŭ pripensos ĉu al ci ilin doni, ĉu por mia animo ilin reteni.

Pendo haltis tuj:

— Hej, Piĵo, mi denove eksoifis, diablo ĝin prenu! Donu al mi denove por spesdeko.

Piĵo silentas, silentas kaj marŝas, silentas, pensas kaj gratas sin je la kolo. Poste li krias al Lama Gana:

— P-tru!... Haltu do, aĉulino.

Ĝi obee ekstaris meze de la ŝoseo, Piĵo ĉerpas brandon al Pendo, prenas la malnovan spesdekon, frotas ĝin je sia barbo kaj diras:

— Multnombriĝu tiom kiom la haroj de la barbo.

Pendo eltrinkas la brandon, elviŝas sin kaj longe ŝmacas kun la buŝo. Kaj ili ekiras ree silente.

Ili marŝas, marŝas, la vento fajfas tra la branĉoj de l' nudaj salikoj preter la vojo, frapas sin je la peltoj, disblovas la malpuran voston de Lama Gana kaj kuras al la diabloj trans la kampo.

— Nun, Pendo, mi ja eksoifis, diras Piĵo.

— Donu la spesdekon kaj trinku, estas ja por la animo.

Denove la sola spesdeko estas ŝanĝita. Post iom da tempo ĝi denove pasas en la poŝon de Piĵo kaj tiel plu kaj tiel plu.

Kiam ili alvenis en la vilaĝo la du amikoj ne povis trovi siajn domojn tuj, kaj Lama Gana restis longan tempon ŝnurligita je unu vilaĝa saliko.

Kiu estis gajninta la spesdekon mi ne scias.

Trad.: *Iv. H. Krestanoff.*

[1] Valaĥa komercisto.

# *Al niaj abonantoj*

*Pro la kreskanta plialtiĝo de la paperprezoj, la mobilizo de multaj samideanoj, la malhelpoj de la cenzuro en pluraj landoj, la gravaj monkurzaj diferencoj, nia gazeto vivas en nefacilaj ekonomiaj kondiĉoj. Por ke ĝi povu daŭrigi sian taskon, aperante same ofte kaj samamplekse kiel ĝis nun, necese estas, ke ĉiuj abonantoj restu al ĝi fidelaj kaj regule repagu sian abonon. Ni konscias, ke aperante eĉ en la nuna tempo nia organo utile servas la interesojn de la Esperanto-movado. Kiu tion komprenas, subtenu nin efike!*

 ESPERANTISMO 

# ESPERANTO-KONGRESOJ

## Skandinava Esperanto-Kongreso

*Gotenburgo, 6—10 aŭgusto*

La Komitato nun starigis la provizoran programon; en grandaj trajtoj ĝi estas la jena:

Mardo 6 aŭgusto: Diservo (en Esp.) en la preĝejo Annedal, kun prediko de Pastro Bruhn. Poste, malferma kunveno kaj komuna manĝado en Trädgärden.

Merkredo estos labora tago kun du grandaj laborkunsidoj kaj instruista kunveno dum la vespero.

Ĵaŭdo estos plezura tago kun ekskurso al Trollhättan kaj eksterdoma parolado.

Vendrede okazos la jarkunveno de Sveda Esp. Federacio kaj eventuale specialaj kunvenoj de la norvegoj kaj danoj; publika prezentado de la ekspozicio; propagand-parolado en Slotsskogen.

Sabate, okazos la fina laborkunsido, kunsido de UEA kaj ferma kunveno.

Kompreneble la Komitato rezervas al si la rajton, ŝanĝi la programon.

Ĵus aperis speciala *Kongresa Gazeto;* ankoraŭ du numeroj eliros, la lasta kiel festnumero.

La Komitato eldonis beletan koloran afiŝon: Knabeto tenanta grandan verdan standardon kaj sube la silueto de Gotenburgo. Oni povas ĝin ricevi pagante duonon da krono. Specialaj poŝtkartoj baldaŭ aperos. Belaj kongresaj glumarkoj estas presitaj. Cento da ili kostas 1 Kronon.

Ĝis la 15 marto, 128 partoprenontoj sin enskribis, el kiuj 94 svedoj, 18 norvegoj, 15 danoj kaj 1 hungaro. La Komitato petas, ke oni ne prokrastu la aliĝon. Adreso: S-ro G. H. Backman, Helsingborg. La kongresan kotizaĵon, 5 Kronoj, oni sendu al S-ro A. Rosenberg, Skara (Sved.).

# KRONIKO

Ni petas, ke oni bonvolu sendi ĉiujn komunikaĵojn utilajn por la redaktado de tiu kroniko ĉiumonate antaŭ la 20a. Ni plezure enpresos ĉiujn informojn pri kursoj, paroladoj, novaj grupoj, festoj, k. t. p., kaj — tiom kiom ili havas neŭtralan karakteron — komunikojn de la naciaj societoj, kies organo estas momente interrompita.

## Aŭstrio-Hungario.

*Fiume:* La itallingva duonmonata gazeto „Il Risveglio" decidis malfermi konstantan Esp. rubrikon gvidotan de S-ro G. Knering. — *Innsbruck:* La grupo regule kunvenas. La komencita kurso progresas. — *Krakow:* La estraro de la Esp. Societo konsistas el S-roj D-ro O. Bujwid, prez.; St. Rudnicki, vicprez.; L. Dreher, sekr.; Zajaczkowski, kas.; Luks, bibl. — *Losoncz:* S-ro Ĉech, el Wien, instruis nian lingvon en la tiea milit-malsanulejo. — *Oderberg:* S-ro Th. Engel daŭrigis la gvidadon de la perfektiga kurso en la monaĥinejo de la „malriĉaj lernejaj fratinoj". Oni esperas, ke en la venonta lerneja jaro, nia lingvo povos esti enkondukata por la lasta klaso. — *Oderfurt:* Klubo fondiĝis. Ĉi-okaze estis aranĝata multe vizitata kunveno, kiun ĉeestis urbaj eminentuloj. La vesperon plibeligis muziko kaj deklamoj. — *Olmütz:* S-ro A. Kudela malfermis kurson en monaĥinejo de Urzulinoj; partoprenas 22 instruistinoj kaj la estrino mem. — *Petschau b. Karlsbad:* S-ro J. Storch, verkisto, paroladis antaŭ 120 personoj ĉe la muzik-lernejo. Ĉirkaŭ 60 personoj nun partoprenas kurson gvidatan de S-ro Storch. — *Wien:* Ĉe la ĝenerala kunveno de la Esp. Unuiĝo, oni elektis la estraron. S-ro inĝ. F. Hartwich estis reelektita kiel prez. Okaze de lia dekjara gvidado de la Unuiĝo, dankesprimo estis voĉdonita honore al li. S-ro O. Masch malfermis novan kurson. Ambaŭ sekcioj de „Corda Fratres", germana kaj ĉeĥa, vigle laboras. Fondiĝis klubo de lernantoj el la gimnazio Maksimiliano.

## Bulgarujo.

*Sofia:* La bulgaraj ĉefurbaj gazetoj „Mir", „Utro" kaj „Zarja" enhavis longajn artikolojn de S-ro I. Krestanoff pri D-ro Zamenhof, Esp. kaj la paco.

## Danujo.

*Kopenhago:* Societo de danaj Esp-istoj aranĝis ekspozicion de Esp. literaturo, kiu estis zorge rigardita de interesita publiko.

## Francujo.

*Lyon:* Okazis kunveno de la membroj de UEA; S-ro Ch. Bégel raportis pri la stato de UEA. Dokumentoj pri la praktika graveco de Esp., speciale je la komerca vidpunkto, estis elmontrataj dum la granda foiro kaj estis viditaj de multaj personoj. Du kursoj organizitaj de la Socialista Grupo okazas ĉiusemajne.

## Germanujo.

La militkunveno de la germanaj Esp-istoj okazinta en Leipzig la 6—8 aprilo havis tre kontentigan sukceson. Ni pli detale raportos pri ĝi kiel ankaŭ pri la speciala kunveno de la membroj de UEA en nia proksima N-ro. — *Artern:* „Arterner Zeitung" enhavas regulan Esp. rubrikon. — *Augsburg:* S-ro K. Streckfuss, Del., faris paroladon pri la agado de UEA antaŭ kaj dum la milito; F-ino Hornung, Vicdel., poste parolis pri siaj praktikaj spertoj. Dank' al tio 18 membroj repagis sian kotizaĵon. — *Berlin:* Ĉe la kunveno de la Esp. Gruparo, S-ro D-ro Winsch faris tre interesan sciencan paroladon pri „Nova interpretado de la vivo". — *Bonn:* Okazis parolad-vespero, kiun ĉeestis ankaŭ samideanoj el Köln, Godesberg kaj Siegburg. Por kurso gvidota de S-ro Glossmann, sin anoncis 23 personoj. — *Breslau:* La Katolika Esp. Societo Unueco aranĝas novan kurson, kiun gvidos S-ro Wolf. — *Dresden:* La Suda Grupo reviviĝis sub la prezido de D-ro H. Arnhold. La Orienta Grupo kaj la Esp. Unuiĝo aranĝis ekskursojn. La grupo „Progreso" organizas novan kurson. Ĉe la antaŭlasta kunveno de UEA, S-ro R. Maske paroladis pri la verkisto Sienkievicz. En la aprila kunveno, S-ro D-ro Zimmermann traktis pri „la deveno de la homo" (kun lumbildoj). — *Frankfurt a. Oder:* Post parolado de S-ro D-ro Perl, oni decidis aranĝi kurson. — *Regensburg:* S-ro W. Meier faris propagandon en la supera real-lernejo. — *Siegburg:* Grupo fondiĝis. Aliĝis dek aktivaj kaj kelkaj helpantaj membroj.

## Nederlando.

La federacia delegit-kunveno okazis en Amersfoort. Ĉeestis delegitoj de la grupoj en Amersfoort, Amsterdam, Arnhem, Hago, Haarlem, Rotterdam, Utrecht kaj Wormerveer. Laŭ la sekretaria raporto la societo enhavas nun 17 grupojn (inter kiuj 4 novaj) kun 413 membroj. La biblioteko preskaŭ duobliĝis. La „Holanda Pioniro" estos eldonata ĉiudumonate. La venonta kunveno okazos en Utrecht la 23 junio 1918, kaj oni saman tagon aranĝos la someran festkunvenon. — *Haarlem:* S-ro A. C. Bakels gvidas kurson de 40 lernantoj, membroj de kontraŭ-milita kaj liberpensula societoj. — *Harderwijk:* La Asocio de la belgaj Esp-istoj starigis ekzamenon kaj 7 lernantoj sukcesis. Novaj artikoloj estas senditaj al la diversaj naciaj gazetoj. Propagandaj poŝtkartoj estas presitaj (sin turni al S-ro Bonabo, sekr.). La Asocio starigis Esp. ekspozicion. — *Utrecht:* La membronombro de la „Militista Societo Esp." jam kreskis al 80. Kunvenoj regule okazas ĉiumonate en Utrecht. S-ro Prof. A. Smit gvidas kurson en „De Soldatencourant", gazeto legata nur de militistoj.

## Norvegujo.

*Kristiania*: La Esp. Klubo havis sian jarkunvenon, ĉe kiu oni elektis la estraron. Sekvis sukcesa festa parto. La junsocialista organo „Klassekampen" metis siajn kolonojn por la dispono de Esp. S-ro Bruno Rilling faris sukcesan propagandon ĉe soldatoj kaj per la gazetaro. — *Kristiansund*: S-ro G. Farstad gvidis kurson. Poste, fondiĝis klubo. Ĉiuj lokaj gazetoj havis artikolojn pri Esp.

## Svedujo.

*Äshammar*: Kurso kun 15 anoj estis komencita de S-ro E. Nord. — *Göteborg*: La Esp. Unuiĝo arangis popularan koncerton; S-ro C. Eriksson paroladis. — *Harnäs-Skutskär*: La klubo havis sian duan jarfeston, vizititan de ĉ. kvar cent personoj. S-ro E. Adamson faris la ĉefparoladon. Oni arangos novan kurson. — *Sandviken*: S-ro Helsing, el Gävle, komencis kurson kun 33 partoprenantoj. *Stockholm*: „Verda Stelo" laboras vigle kaj energie. La klubo komencis la novjaran sezonon per publika vesperfesto kun parolado de la sekr., S-ro T. Rosengren, pri Svisujo kaj la Berna Kongreso. Sekvis kvar teatro-vesperoj kun diverstemaj lumbildaj paroladoj de S-ro Rosengren. La 28 marto okazis tre sukcesa publika festo, sub protekto de la Finlanda ministro kaj de Princo Carl, estro de la Sveda Ruĝa Kruco. Partoprenis opera kantisto Briger Schucker, kantistino Greta Lindstrom, aktoro C. Brander, k. a. Grava propagando ĉe la diplomataro kaj en la rondoj de Ruĝa Kruco. — *Sundbyberg*: S-ro T. Rosengren, el Stockholm, faris paroladon; poste sekvis bone arangita festo. Rezultis nova kurso kun 34 partoprenantoj. — *Timmersdala*: S-ro A. W. Härnqvist, el Skara, gvidas kurson ĉe la bontemplanoj. La bontempiana gazeto „Skara-Alvsborg" ofte enhavas favorajn artikoletojn.

## Svisujo.

*Lausanne*: S-ro Edmond Privat faris en la Popola Domo sukcesan paroladon pri D-ro Zamenhof kaj la Ligo de la Nacioj. Kurso sekvos. — *Locarno*: Nova kurso kun 12 lernantoj estas komencita.

## Japanujo.

*Jokohama*: La Societo ricevis la viziton de svisa samideano, S-ro R. H. Dick, kiu nun loĝas en la urbo. S-ro Ossaka gvidis kurson. Ĝi poste akceptis F-inon Treumann, el Rusujo. — *Kanazaŭ*: La societo aranĝis kurson sub la gvidado de S-ro E. Asai. — *Luĉo*: Grupo fondiĝis en tiu ĉi insulato; ĝi jam kalkulas 46 membrojn. — *Osaka*: Kursoj okazis kun bona sukceso. Regulaj kunvenoj okazas ĉiusemajne. — *Tokio*: Fremdaj Esp-istoj vizitis la grupon. Grava propaganda vespero estis aranĝita. D-ro Nakamura, Prof. D-ro Takakusu, Prof. D-ro Kroita paroladis; ankaŭ partoprenis per Esp. paroladoj du fremdaj samideanoj: S-ro R. H. Dick (sviso) kaj S-ro E. Gauntlett (anglo). Oni vendis sufiĉe multe da lernolibroj. S-ro Gauntlett gvidis kurson ĉe fraŭlina lernejo Sakurai-Jojiku. Festeno estis aranĝita je la naskotago de nia Majstro.

## Usono.

*Philadelphia*: Dum la lastaj monatoj la lokaj samideanoj multe propagandis inter la Skoltoj. Oni interesiĝis la estrojn kaj aranĝis serion de kunvenoj ĉe ĉiu el kiuj oni klarigis la internan ideon de Esperantismo kaj donis specimenan lecionon. Nun almenaŭ ses anaroj ricevas instruadon. Je la naskotago de Georgo Washington, la Skoltoj kune kun la Philadelphia Societo havis feston. Granda aro de Skoltoj kaj Esp-istoj kolektiĝis ĉe „Independence Hall", mondfama historia loko, kaj paradis al la „Betsy Ross Domo", kie dum la Usona Revolucio oni konstruis la unuan amerikan standardon. Ĉi-tie, la Del. de la UEA prezentis Esp. standardon al la estrino de la Knabinskoltoj, kiu vice ĝin donacis al la dirita historia domo, en kiu estas konservitaj multaj flagoj de diversaj nacioj. La ĉiutagaj jurnaloj plene raportis la okazintaĵon, eĉ kun kliŝaĵoj.

## Urugvajo.

*Montevideo*: Dum lasta jaro aktiva estis la agado de la Esp. Grupo. Oni algluis propagandajn afiŝojn tra la ĉefaj stratoj de la urbo; oni eldonis propagandajn poŝtkartojn, kaj en la sidejo de tiu societo estis organizataj parolado kaj kurso kun kvindek lernantoj, sub la gvidado de nia Del. Artikoloj aperis en diversaj gazetoj. En lasta kunsido de „Esp. Grupo Montevideo" oni elektis jenan komitaton: prez. E. Cambralla; sekr. A. Giacca; kas. A. Di Landro; bibl. S. Castro kaj voĉd. N. De Cola kaj M. Pernas. Tiu societo daŭrigas kolektante materialon por organizi ĝustatempe gravan Esp. ekspozicion.

# DIVERSAĴOJ

∴ **Esperanto kaj militkaptitoj.** — La Centra Oficejo de la mondkonata Asocio de la Kristanaj Unuiĝoj de Junaj Viroj, kies sidejo estas en Ĝenevo, sin multe okupis pri helpado al la militkaptitoj, speciale el intelekta vidpunkto. Ĝi dissendis al ĉiuj militkaptitoj grandan nombron da ĉiutemaj libroj, aranĝigis kursojn, eldonis gazetojn, k. t. p. Lastatempe ĝi publikigis „Manlibron por helpi al la disvolvo de la intelekta agado ĉe la militkaptitoj", kiu enhavas pri ĉiuj fakoj studplanojn kaj ekzamen-demandarojn taŭgajn por uzado en la militkaptitejoj. En la parto dediĉata al lingvoj, oni plezure konstatas, ke ekzistas speciala fako pri Esperanto kun studplano pri la lernado de nia lingvo kaj kelkaj ekzemploj. Ni dankas la Komitaton de la Kristanaj Unuiĝoj de Junaj Viroj pro ĝia favora akcepto al nia lingvo kaj ne dubas, ke tiu multope dissendota manlibro — kiu ekzistas en tri eldonoj: angla, franca, germana — helpos al la disvastiĝo de Esperanto en la militkaptitejoj.

— En la belga internigejo de *Harderwijk* (Nederlando), kie jam ekzistas Esp. organizaĵoj kaj okazis multaj kursoj, la profesoroj de Esperanto estas oficiale rekonitaj kiel profesoroj en la Komerca Sekcio de la Laborlernejo, kiu funkcias en la internigejo sub la aŭspicioj de la urbo Bruselo. Bela sukceso ŝuldata al la nelacigebla fervoro de niaj tieaj samideanoj.

# TRA LA GAZETARO

∴ *„Esperanto Monthly"* (marto). Anglalingva artikolo pri Esp. kiel garantio por paco. Kiel mi lernis paroli Esp., daŭrigo de la artikolserio de S-ro Edwin F. Turner. Traduko de fragmento el fama parolado de Abraham Lincoln. Ekzercaro por soldatoj. Versoj por tempo de milito, ĉarmaj tradukoj de nia poeto Clarence Bicknell. Ekzercoj de aplikado de la Universala Vortaro, de H. M. Scott. Praktikaj sugestoj por instrui Esp. al infanoj, de Miss E. Hogg, k. t. p.

∴ *„Esperanto Raporto"* el Danujo (marto). La malgrandaj nacioj kaj universala lingvo. Felix Moscheles. Kroniko.

∴ *„Germana Esperantisto"* (aprilo). En eldono A, germanlingva artikolo pri la temo: Varblaboro per la grupoj. Oficialaj informoj. Kroniko. Diversaj komunikoj. Lingva angulo. En la scienca aldono *„Esperanto Spiegel"*, studo de Prof. D-ro Göhl pri Esp. rilate al la estontaj superaj lernejoj.

∴ *„La Holanda Pioniro"* (februaro-marto-aprilo). Literatura Fako. Lingva Fako. Kroniko. Oficiala parto, k. t. p. Al tiu kajero estas aldonata la membrolisto de la Nederlanda Esp. Unuiĝo „La estonto estas nia".

∴ *„Japana Esperantisto"* (oktobro, novembro, decembro 1917, januaro 1918). Ni prokraste ricevis la laste aperintajn de tiu bona gazeto, kiu atestas pri la vigleco de nia movado en Japanujo. La novembra kajero estas dediĉita al junuloj, kaj enhavas tradukojn

faritaj de junuloj 17- ĝis 18-jaraj. En ĉiu numero estas kroniko pri la enlanda movado, tradukoj kaj japanaj prilingvaj artikoletoj.

.·. „*La Espero*" (marto). Klariga artikolo pri la vortelementoj -ist kaj -ant. Kroniko (norvega, sveda, eksterlanda). La monarkrenkonto, traduko de rakonto de Selma Lagerlöf. Libroj kaj gazetoj.

.·. Aliaj ricevitaj gazetoj: „*Nederlanda Katoliko*" (marto-aprilo).

* * *

.·. „*Kongreso*" (N-ro 1, aprilo). Unua N-ro de la speciala gazeto pri la Skandinava Kongreso de Esperanto, okazonta en Gotenburgo la 6—10 aŭgusto 1918. Bele presita, ornamita de kelkaj bonaj ilustraĵoj, tiu okpaĝa bulteno, de kiu aperos ankoraŭ du numeroj, alloge informas pri la diversaj kongresaranĝoj kaj estas okulvidebla pruvo pri la zorgo kaj diligento, kun kiuj niaj samideanoj laboras por la sukceso de la 1a Sandinava Esp. Kongreso. Krom komuninteresaj artikoloj pri la kongreso, la bulteno enhavas rakonton de Selma Lagerlöf „La Nebulo", tradukitan de G. H. Backman, kaj la liston de la aliĝintoj. Ĉiu kongresano ricevos senpage la kongresgazeton. Do rapide aliĝu! (Pri la kondiĉoj vidu en la rubriko „Esperanto-Kongresoj").

## TRA LA LIBRARO

Bonŝanco metis sur nian tablon du rusajn eldonaĵojn, tiel malsamajn, ke nur malofta okazo povas ilin kunigi. Estas io bela en la Esperanta movado: per siaj presaĵoj ĝi respeguligas la ideojn de la popoloj, tiel ke, legante artikolojn, oni kvazaŭ interparolas kun fremda homo kiel kun konatulo. Precipe ni multaj okcidentuloj, kiuj ne scias la rusan lingvon, devas danki Zamenhof, ke per Esperanto ni povas laŭsente multe pli alproksimiĝi je tiu granda, malfacile komprenebla popolo, ol per la solaj priskriboj kaj novaĵoj, kiujn naciaj eldonistoj bontrovas liveri al ni.

**La Torĉo** estas nova organo de la socialistaj Esperantistoj en Petrograd, blue hektografita, ne kunkroĉita, 8-paĝa bulteno, 22,5 ⨯ 18 cm.

Malantaŭ granda verda stelo vidiĝas parto de torĉo kun ruĝaj flamoj, sur la stelo etendiĝas la vorto Torĉo, en grandaj literoj, lerte pentrita per larĝa ligna plumo. Kvazaŭ revoluciema, kaj tamen ne detruiga: la elegante kurbitaj flamoj de la torĉo ŝajnas aspiri iun celon idealan, diversaj originalaj finstrekoj sub la artikoloj memorigas la rusan popolarton, kaj la teksto estas hektografita kun preskaŭ pedanta precizeco. Krom notoj pri la taskoj de la jurnalo ĝi enhavas historion de la „Dakabristoj" kaj alvokon: Pli da Kredo, de R. Civinski. „Pro tio mi alvokas vin, karaj kamaradoj kaj amikoj, havu en viaj koroj plej plenan pacon, malgraŭ la plej granda nuntempa tutmonda malpaco, kredu profunde, ke ti-ĉio estas necesaj kaj tute naturaj antaŭnaskaj suferoj de l' mondo, antaŭ ol naski novan, junan, ĝojan kaj plej belan vivon." Jen la gazeto de homoj fortaj, esperplenaj, kun idealismo respektinda kaj tamen alia ol la plimulto el ni ĝin komprenas.

**Intima Parolad',** poezio de Rusaj ego-futuristoj, de Ilaris of Robis. Eleganta broŝuro 16-paĝa, 21,5 ⨯ 14 cm, 25 Kopek., el Moskvo, 1914.

La kovrilon beligas la silueto de virino, la antaŭparolon gravigas la mansubskribo de la aŭtoro, allogiloj por nin konsoli pri manko de akuzativoj kaj la anstataŭo de supersignitaj literoj per du punktoj. Komprene ble kulpa estas nia lingvo, ne la aŭtoro, kiu evitis sin turni al bona rusa presisto. Turnante sin en la antaŭparolo al la nemultaj „el la nombro de legantpubliko", la aŭtoro certigas, ke li ne laboris por la banalaj kapoj kaj citas leteron de „konata poezpoeto al eldonisto": „Mi sincere kompatas vin, ke vi eldonas ĉi-tiujn poezojn, legantoj kiuj forestos, kaj pli kompatas mi al min mem, ke mi skribis ĉi tiajn poezojn elspezante tempon, kian mi povis trapasi en ĝoja veluro de kafe-ŝantanto (li volas diri koncert-kafejo) sub kisado de konfetti kaj serpantin-karesoj. Kio rilatas miajn poezojn, ah! sed por kio pri ili paroli? Lasu al la jurnaloj ilin insulti ‚et moi, je vous soutiens que mes vers sont très bons'." Ĉar li mem certigas en franca lingvo, ke liaj poeziaĵoj estas bonegaj, ne decas insulti tiel instruitan homon per la banala rimarko, ke ni havas alian opinion.

Niaj anglaj samideanoj laboras kun nelacigebla energio; denove tri novaj propagandiloj, trafaj, praktikaj kaj bone presitaj kiel kutime.

**Esperanto for young beginners.** 5th edition (revised). British Esperanto Association, London. Two pence. 24 p., 10,5 ⨯ 16,5 cm.

Gramatiketo kun vortaro simila al la konata ruĝa broŝuro de Hachette.

**The Pros and Cons of Esperanto.** The Standard Press, Blackburn. 8 p., 12,5 ⨯ 18,5 cm (prezo ne montrita).

„Esperanto! Kio estas? Patentigita kuracilo aŭ nova speco de sapo?" Per respondoj al demandoj de varboto, la aŭtoro, Montagu C. Butler, bone klarigas la lingvon kaj movadon.

**An appeal to patriotism and common sense.** For the advancement of international trade and national economies. Published in Russia, France, Portugal, Italy, Japan, U. S. A. and Great Britain. — The Common Commercial Language Committee, London, 1917. 8 p., 15,5 ⨯ 25,5 cm.

Varma rekomendo de Esperanto kiel komerca lingvo, kun atestoj de gravaj firmoj. La ĉefa ideo estas alloge esprimata jene: „Se ses aferistoj deziras kunigi siajn klopodojn por entrepreno utila al ĉiu el ili, ĉu ili elektus ses malsamajn metodojn, longajn malfacilajn kaj tedajn, se unu sola simpla metodo perfekte korespondas al ilia bezono? — Ne! Kial do lerni la rusan k. t. p. lingvojn se ekzistas tute preta, internacie uzata kaj facile lernebla helplingvo Esperanto, kiu rekte kondukas al la celo?" — *St.*

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

### Garantia kapitalo.

**Listo de garantiantoj** (Dua parto)

| | | Frankoj |
|---|---|---|
| | Antaŭa listo | 1500 |
| 13. | Jakob Hechtl, München | 125 |
| 14. | H. S. Donker, Amsterdam | 125 |
| | Frankoj | 1750 |

Unu atesto de la Garantia Kapitalo kostas 125 Fr. (svisa valoro). Oni povas mendi unu aŭ plurajn atestojn. Ĉiu Garantianto estas dumviva membro de UEA kaj senpage ricevas la luksan eldonon de „Esperanto". Mendojn de atestoj oni bonvolu adresi al la Centra Oficejo de UEA. La sumo estu pagata plej malfrue tri monatojn post la promeso al UEA, aŭ prefere al la banko, kiu kvitancos la ricevon. Adreso: Kantonalbank Bern (Banque Cantonale, Berne), [Nationalbankkonto 1020, Svisa poŝta ĉeko III, 106].

**UEA en Britujo.** — Por helpi al la propagando de UEA en Britujo kaj en la angle parolantaj landoj, S-ro Paul Blaise, Ĉefdel. de UEA en Londono, aranĝis monkolekton. Jen la nomoj de la malavaraj donacintoj:

F-ino Peckover £ 5. — S-ro Fitton £ 2. — S-roj Boyce kaj R. Sharpe, po £ 1. 10 s. — S-ro D-ro Jones £ 1. 1 s. — S-ino Gillett,

S-ino Pointer, F-ino Vacher, Ges-roj Mégahy, S-roj Blundell, Bredall, Emery, Heslop, Vernon-Harecourt, po £ 1. — S-ino Cunningham, S-ino N. Smith, F-ino Fryer, S-roj Applebaum, Bailey, Boutwood, Course, Goodliffe, Gueritte, Hayes, Holmes, K-lo Gale, D-ro Rhys-Jones, po 10/- s. — S-ro Farmer 7/6 s. — S-ino de Montoro, S-ino Sujadinoff, F-ino Fyson, S-roj André, Boys, Etchells, Gibbens, Lambert, Lewis, Norris-Jones, Rev. Nicholl, Philimore, Grupo Esp. Battersea, po 5/- s. — S-ro Kirkbright 4/- s. — S-roj D-ro Esslemont, Holden, Robertson, po 3/- s. — S-ino Mitchells, F-ino Milner, S-roj Blaikie, Chadwick, Crocker, Kalisky, Luyken, Peck, Thomas, Turner, Woolfenden, po 2/6 s. — F-ino Miles, F-ino Sefer, S-roj Evans kaj Taylor, po 2/- s. Entute £ 32. 9/- s.

Ni kore dankas ĉiujn donacintojn kaj ne dubas, ke iliaj malavaraj monoferoj faciligos la disvastiĝon de UEA en Britujo.

**Kotizaĵoj por 1918.** — Je la 31 marto estis enkasigitaj 953 kotizaĵoj (el kiuj 77 subtenantoj). Krom tio estas 160 dumvivaj membroj. Sume: 1113. — *Esperantiaj Entreprenoj*: 33.

**Statistiko de la korespondaĵoj.** — Movado de la korespondaĵoj dum la monato marto:

| Ricevitaj | Forsenditaj |
|---|---|
| 414 | 221 |

*Tuta sumo*: 635. (Antaŭa monato: 816.)

**Subtenantaj membroj.** — Estas subtenanta membro de UEA ĉiu persono, kiu por helpado al la Asocio bonvolas pagi minimuman kotizaĵon da 5 Frankoj.

*Kvina listo*:

64. J. Gabriels (Rotterdam). — 65. J. Borel (Vaumarcus, Svis.). — 66. J. Schmid (Bern). — 67. J. van Dam (Hago). — 68. H. Larsson (Vasteras, Sved.). — 69. J. Perriard (Cortaillod, Svis.). — 70. R. Bolliger (Bern). — 71. E. Wilson (Grand'Mere, Kanado). — 72. L. Miller (Detroit, Usono). — 73. S-ino F. Wyman (North Abington, Usono). — 74. J. Silbernik (New York). — 75. R. Carter (Brooklyn). — 76. E. Ahlin (Hjö, Sved.). — 77. E. Kerr (Baltimore, Usono).

**Novaj Delegitoj.**

*Skara* (Sved., Skaraborg). — D.: S-ro Anders Rosenberg, Direktoro.

**Ŝanĝo.**

*Montevideo* (Urugvajo). — VD.: S-ro Andreo Di Landro, 176, Calle Miguel Barreiro (Pocitos).

**Rimarko.**

Provizore ne plu estas Del. en: *Poole* (Anglujo).

# Lingvaj Studoj

## Pri la supersignaj literoj

I

De tempo al tempo ankoraŭ aperas kritikoj kaj atakoj kontraŭ la supersignaj literoj de nia alfabeto. Eĉ inter la fidelaj Esperantistoj troviĝas personoj, kiuj, sub la influo de tiuj kritikoj, apenaŭ kuraĝas defendi tiun apartaĵon de nia lingvo. Ili diras, ke oni devas ĝin konservi, ĉar ĝi estas parto de la Fundamento, sed ili interne bedaŭras, ke ĝi ekzistas. Jam aperis plej diversaj proponoj por forigo de la supersignoj, kaj kvankam neniu el ili sukcesis, nek povas sukcesi — kiel ni poste montros — tio ne tute senkuraĝigis la reformemulojn, kiuj naive kredas fari gravan servon al nia lingvo, elpensante novan „pli oportunan" alfabeton. Al la personoj, kiuj estus pli-malpli inklinaj ilin sekvi aŭ imiti, ni precipe dediĉas la jenajn liniojn.

Estas fakto, ke sufiĉe multaj Esperantistoj ne ankoraŭ konscias pri la utileco de la supersignoj kaj ilia signifo en la strukturo de nia lingvo. Cetere, ili estas parte senkulpigindaj, ĉar el la multaj ekzistantaj lernolibroj kaj komentarioj pri nia lingvo, ni rimarkas, ke preskaŭ neniu iom detale pritraktas tiun punkton kaj montras per ekzemploj la rolon kaj utilecon de la supersignoj. Same kiel la akuzativo kaj kelkaj aliaj punktoj de nia gramatiko, la supersignaj literoj ŝajnas unuavide senutila komplikaĵo. Kiam oni pli profunde studas la demandon kaj trapenetras la strukturon de la lingvo, oni konvinkiĝas, ke tiu ŝajna komplikaĵo estas en la realeco valora simpligo kaj havas nedubeblan ekzistrajton. Sed multaj personoj restas ĉe la unua supraĵa ekzameno kaj el sia impreso konkludas, ke tio estas eraro, kio kontraŭe estas la frukto de supera sagaceco.

Per kelkaj ekzemploj ni deziras montri, kiel la ekzisto de la supersignaj literoj estas pravigata de la principoj mem, sur kiuj bazas nia lingvo kaj kiel nedisigeble ligataj en artefarita lingvo estas la problemo de la alfabeto kaj la problemo de la vortaro.

* * *

La maksimuma internacieco de la radikvortoj estis la fundamenta principo, laŭ kiu estis konstruata la Esperanta vortaro. Se tion ne malhelpas dusenceco, missoneco aŭ gramatika formo, D-ro Zamenhof elektis por sia radikaro la vortojn, kiuj troviĝas en la plej multaj lingvoj, tiel ke la nombro de la nekonataj, kaj sekve lernotaj, vortoj estu kiel eble plej malgranda. Tiu principo, kies ĝusteco estas evidenta, ne povas esti matematike aplikata, ĉar lingvo estas io tro malsimpla, por ke nur unu principo povu ĝin regi. Bonsoneco, reguleco, logiko ankaŭ rajtas esti konsiderataj, kaj estas okazoj, ĉe kiuj la pli internacia radikvorto devas cedi lokon al alia, malpli internacia, sed pli oportuna kaj pli konforma al la spirito de la lingvo.[1] Tiuj okazaj deflankiĝoj tamen ne forprenas la ĝeneralan valoron de la principo pri maksimuma internacieco. Sed kiel apliki tiun principon? Grava malfacilaĵo efektive naskiĝas el tio, ke en niaj lingvoj la vortoj havas duoblan ekziston, laŭ tio ke oni konsideras ilian ortografion aŭ ilian elparolon. Ĉu precipe la ortografion aŭ precipe la elparolon devos priatenti la kreanto de internacia vortaro? Kun sia mirinda instinkto pri taŭga ekvilibro, D-ro Zamenhof penis konsideri ambaŭ kaj trovi por siaj radikvortoj mezan formon, kiu kiel eble plej respektas la fonetismon kaj la grafismon por tiamaniere atingi maksimuman internaciecon. Tion li povis dank' al la kreo de la supersignaj literoj.

Inter niaj eŭropaj lingvoj, precipe inter la latinidaj kaj la angla unuflanke, kaj inter la angla kaj la germana aliflanke, ekzistas granda kvanto da komunaj vortoj, sed ili plej ofte havas nek la saman grafismon, nek la saman prononcon, kvankam ilia parenceco estas evidenta. Ĉe tiuj okazoj D-ro Zamenhof ne elektis la formon, kiu troviĝas en la pli multaj lingvoj, aŭ, okaze de diferenco, en la plej multe parolata lingvo, sed li kreis mezan formon, kiu estas kvazaŭ la sintezo de la diversnaciaj radikoj kaj sekve estas la plej vere internacia. Karakterizan ekzemplon de tiu metodo liveras la vorto *ĝardeno*. La angloj havas *garden*, la germanoj *Garten*, la francoj *jardin* (pr.: ĵardin), la italoj *giardino* (pr.: ĝardino). Kvankam tiuj vortoj estas samoriginaj, ili en ĉiu lingvo prezentas malsaman formon. Se oni elektas la formon *garden'*, nur la angloj kaj germanoj bone rekonos sian propran vorton. Se oni elektas *jardino* aŭ *djardino* (donante al *j* la sonon *ĵ*), nur la francoj kaj italoj estos atingataj. Skribu *ĝarden'*, kaj tiam facile komprenos la angloj

[1] Ekzemple, oni povus diri, ke la radiko *an'* aŭ *anu'* estas pli internacia ol *jar'*, ĉar ĝi troviĝas en la latinidaj lingvoj (F. année, H. anno, I. ano) kaj estas ankaŭ konata de la angloj pro la vorto *annual* kaj de la germanaj pro *Annalen*. Sed *ano* kolizius kun la ankaŭ internacia sufikso *an-* kaj *anuo* aŭ *anño* estas malbelsona kaj tro kripligita. Sekve la anglo-germana radiko *jar'*, kvankam matematike malpli internacia, estas tamen preferinda, ĉar pli bonsona kaj pli oportuna.

kaj germanoj pro la ortografio kaj la francoj kaj italoj pro la prononco. Sekve, kvankam *ĝardeno* sub tiu preciza formo troviĝas en neniu lingvo, ĝi tamen estas la plej internacia radiko, ĉar pro la ortografio aŭ pro la elparolo ĝi estas senpene komprenata de kvar popoloj. Tiun mirakleton efektivigis la supersigno.

Ke lingvo internacia devas esti facila, pri tio ĉiuj konsentas. Unu el la kondiĉoj de tiu facileco evidente estas, ke ĝia ortografio estu kiel eble plej regula kaj fonetika. Logika lingvo ne povas allasi tiajn neregulaĵojn kiaj svarmas en la naciaj idiomoj, kie iuj literoj havas plurajn sonojn kaj sama sono estas prezentata de diversaj literoj. Sed aliparte la facileco de la lingvo ankaŭ postulas, ke la radikvortoj elprenataj el la naciaj lingvoj laŭeble konservu la fizionomion, kiun ili havas en tiuj lingvoj, ĉar tio multe helpas al la memoro.[1] Inter tiuj du necesaĵoj estas enfermita la problemo solvota. Dank' al la elpenso de la supersignoj Zamenhof trovis ties solvon. Unuflanke, la Esperanta alfabeto estas tute regula kaj konforma al la fonetika principo, laŭ kiu ĉiu litero havas ĉiam la saman sonon.[2] Aliflanke, ĝuste pro la supersignoj, la grafismo kaj la fonetismo estas tiel kunmetitaj, ke la radikvortoj atingu plej altan gradon de internacieco, kaj, sekve, de facileco.

Kelkaj ekzemploj pri ĉiu el la supersignaj literoj montros la aplikon de tiuj principoj.

### Ĉ

Tiu sono estas prezentata per *ch* en angla kaj hispana lingvoj, *tch* en franca, *tsch* en germana (sed en ambaŭ tre maloftaj), *c* en itala kaj rumana (antaŭ *e* kaj *i*), *č* en ĉeĥa kaj kroata, *cz* en pola, *cs* en hungara, ч en rusa. Multaj vortoj komunaj al la angla kaj al la franca komencas per *ch* (sed france oni prononcas *ŝ*). Ŝajnas do, ke por la Esperantaj vortoj devenantaj el tiuj lingvoj, la grafismo *ch* pli bone konservus la fizionomion de la vortoj (ekz. en *ĉagreni, ĉefa, ĉikani, ĉifoni, ĉemizo*, k. t. p.). Sed pli profunda studo montros, ke *ĉ* estas tamen pli bona ol *ch*, kiu cetere estas kontraŭa al la fonetika principo: unu sono, unu litero. (Plie, *ch* estas elparolata kiel *k* en itala, *ŝ* en franca, *ĥ* en germana, do tute ne estas internacia kun la sono *ĉ*).

Ni konsideru ekzemple la vorton **ĉapelo.** F. *chapeau* (pr.: ŝapo), I. *cappello* (pr.: kapelo). Se oni skribus *chapelo*, la italoj ne facile rekonus sian nacian vorton. *Kapelo* estus konforma al la itala prononco, sed estus malfacile rekonebla de la francoj; plie, ĝi koliziús kun la alia internacia radiko *kapel'*. *Ĉapelo* estas do la plej internacia formo, ĉar la italoj rekonas sian nacian vorton laŭ la ortografio kaj la francoj laŭ la prononco. Same estas rilate al **ĉasta,** A. *chast*, F. *chaste*, I. H. *casto*. La formo *chasta* favorus nur la anglojn kaj francojn, *kasta* estus nur itala kaj hispana, kaj plie kolizius kun la radiko *kast'*. La grafismo *ĉasta* atingas la anglojn kaj la francojn per la prononco, la italojn kaj la hispanojn per la ortografio. Tiel same **ĉasi** estas la vera meza formo inter F. *chasser* (pr.: ŝase), A. *chase* (pr.: ĉes), I. *cacciare* (pr.: kaĉare), H. *cazar* (pr.: kazar).

Interesan ekzemplon montras la radiko **ĉerizo.** A. *cherry* (pr.: ĉeri), F. *cerise* (pr.: seriz), H. *cereza* (pr.: sereza). Se oni skribus *cerizo*, la vorto estus nur franca kaj hispana; *cherizo* estus angla. *Ĉerizo* favoras la francojn kaj la hispanojn pro la ortografio, la anglojn pro la prononco; ĝi do estas la plej neŭtrala kaj la plej internacia formo. En sama rilato estas la vorto **ĉizi,** A. *chisel*, (pr.: ĉajz'l), F. *cizeler* (pr.: sizle), I. *cesellare* (pr.: ĉezelare). *Chizi* estus nur angla, *cizi* nur franca. *Ĉizi*, kontraŭe, estas angla kaj parte itala pro la prononco, franca laŭ la ortografio.

En **dolĉa** ni trovas kombinon de F. *douce* (pr.: dus), I. *dolce* (pr.: dolĉe), H. *dulce* (pr.: dulse). *Dolca* estus malpli proksima de la itala, ne pli proksima al la franca kaj malpli belsona. **Voĉo** atingas, per la ortografio, la anglojn *(voice)*, la francojn *(vocal)*, kaj per la prononco kaj la ortografio, la italojn *(voce*, pr.: voĉe). Ni rimarku, ke por eviti ripetiĝon de siblaj sonoj, jam oftaj pro la verbaj finaĵoj *as, is, os*, nia Majstro ŝatas anstataŭi *c* per *ĉ*. Li tiamaniere ricevas formon pli belsonan, kiu ofte koincidas kun la itala elparolo. (Ekz.: *ĉielo, ĉesi, dolĉa, feliĉa, voĉo*). Formoj kiel *falĉas, pinĉas, plaĉas, sufiĉas* estas nedubeble pli agrablaj al la orelo ol estus *falcas, pincas, placas, suficas*, kie la sinsekvo de *c* kaj *s* estas ne tre plaĉa.

Kelkaj ekzemploj estu ankoraŭ citataj:

**Falĉi** respondas al F. *faucher* (pr.: foŝe) kaj I. *falciare* (pr.: falĉare). Se oni skribus falchi la italoj, kiuj cetere prononcus *falki*, ne rekonus sian radikon. *Falci* estus kontraŭa al la prononco de ambaŭ lingvoj. **Pinĉi** estas la plej bona sintezo de A. *pinch* (pr.: pinĉ) kaj F. *pincer* (pr.: pinse). Ĝi atingas la anglojn per la fonetismo kaj la francojn per la grafismo. **Suĉi** estas la plej bona meza formo por A. *suck* (pr.: sok), F. *sucer* (pr.: süse), I. *succiare* (pr.: suĉare), krom tio ke *suĉas* estas pli bonsona ol *sucas* (sinsekvo de s, c, s). Interesa estas **sufiĉa,** A. *sufficient* (pr.: sofiŝ'nt), F. *suffisant* (pr.: süfizan), I. *sufficiente* (pr.: sufiĉente), H. *suficiente* (pr.: sufisiente). Dank' al la supersigno, *sufiĉa* similas pli-malpli la anglan kaj italan prononcon, kaj per la grafismo ĝi atingas la anglan, italan kaj hispanan lingvojn. *Suficha* estus ne pravigebla, *sufica* malpli internacia kaj malpli belsona.

La supersignoj ankaŭ kelkfoje utilas por eviti kolizion de samformaj radikvortoj. Ekz.: por eviti kolizion kun *laca*, la esprimo respondanta al F. *lacs*, A. *lace*, H. *lazo*, G. *Latz*, ricevis la formon **laĉo,** kiu ĝuste respondas al la itala prononco de *laccio* (= laĉo). Por eviti konfuzon inter *disciplino* kaj *discipl-in-o*, oni donis al la lasta la formo *disĉipl(in)o*, konforma al la itala elparolo. Ni ankoraŭ rimarku, ke nia sufikso **aĉ** respondas laŭ la grafismo kaj laŭ la fonetismo al la itala *-accio* (pr.: aĉo), ofte uzata en tiu lingvo.

Tiuj kelkaj ekzemploj montras, ke la litero *ĉ* ne povas esti anstataŭa de *ch*, kiu cetere estas kontraŭfonetika, kaj ankoraŭ malpli de *tŝ, ç, tç, x*, k. t. p., kiel proponis reformemuloj. Se oni akceptas la Esperantan vortaron en ĝia nuna formo, oni devas akcepti ankaŭ la literon *ĉ*, kiu kondiĉas la formon de multaj radikvortoj. Se oni nepre volas forigi la supersignojn, tiam por resti logika, oni devas ŝanĝi la formon de multaj ofte uzataj vortoj kaj anstataŭi ilin per aliaj formoj malpli internaciaj.

*(Daŭrigota.)* *H. H.*

[1] Estas rimarkinde, ke la grafismo de la vortoj estas pli internacia ol ilia fonetismo. Multaj vortoj estas same aŭ preskaŭ same skribataj en kelkaj lingvoj kaj tamen en ĉiu estas prononcataj malsame. La angla lingvo, ekzemple, kripligas la prononcon de multaj internaciaj vortoj kaj nur dank' al la ortografio la lernanto rekonas ilin. Se ĝi estus fonetike skribata, la angla lingvo estus multe pli malfacila ol nun. Same estus pri internacia lingvo, kies aŭtoro estus atentinta nur la fonetismon de la naciaj vortoj.

[2] Ne kontraŭstaras tiun principon la fakto, ke c = ts, ĉ = tŝ, ĝ = dĵ, ĉar en pluraj lingvoj, speciale en la slavaj, en la angla (ch, g), en la hispana (ch), en la itala (c, g), k. t. p., tiuj sonoj ekzistas kiel memstaraj sonoj kaj eĉ estas ofte prezentataj de unu sola litero. Plie, la ekzisto de tiaj literoj en Esperanto estas pravigata de la neceso laŭeble konservi la fizionomion de la vortoj.

# Alvokoj

## Al kooperativistoj

Esperantismo kaj kooperativismo kreskas grandapaŝe pro la samaj kaŭzoj: ambaŭ estas necesaj por la plua rapida evoluo de la homaro. Kune la du aferoj povas influi la socian progreson de la homaro pli ol iu alia faktoro nuntempa. Kooperativismo kun Esperanto kiel ilo povas alporti korpan komforton kaj spiritan plibonigon al ĉiuj popoloj. Per la lingvo ni povas interŝanĝi la produktaĵojn de la homoj, kaj samtempe la cerblaboraĵoj de la mondo rapide disvastiĝos, faciligante la progreson. La „Kooperativa Esperantista Gildo" celadas la du aferojn, kaj ni petas nian samlingvanaron subteni nian aferon, kaj per helpo de mono kaj sugestoj maturigi nian embrian entreprenon. Proponojn kaj informojn oni sendu al: John Hoyle, sekr., Triangle, Yorks (Anglujo).

# Niaj Mortintoj

Kun ĉagreno ni ricevis la informon pri la morto de nia fervora samideano **C. Chr. Droogendijk,** Del. de UEA en Stavenisse (Nederlando).

Kvankam lia korpa malforteco kaj la izoleco de lia vilaĝo malpermesis al li ludi grandan rolon en la Esperanta societa vivo, li meritas nian dankon pro la multo, kiun li por nia movado faris skribe. Kelkfoje aperis artikoloj kaj notoj de li en „*Esperanto*" kaj en tiu ĉi N-ro mem estas publikigita lia lasta artikolo pri „La Orienta Universitato". C. Chr. Droogendijk estis ankaŭ fervora pacifisto, kaj li aperigis artikolojn pri Esp. kaj paco en la organo de la Nederlanda Kontraŭmilita Konsilantaro. En la komenco de l'jaro li ankoraŭ prenis sur sin la prizorgon por la rubrikoj „Eksterlandaj informoj" kaj „Esperanto en la nederlanda gazetaro".

Li ankaŭ estis verkinto de „Esperantaj Poemoj", libreto, kiu aperis la lastan jaron.

Ni bedaŭras la perdon de tiu fervora kaj simpatia samideano, kiu estus povinta ankoraŭ multe agi por nia afero. C. Chr. Droogendijk mortis, ho ve! nur tridek-du jara.

# Esperantistaj militkaptitoj

*Dudek-dua listo*

*Bona, A.,* Internigito, Hotel Post, Disentis (Svis.).
*Grabowski, Antono,* el Aŭstrio, Voennoplennij en Barnaul (Rus.).
*Koess, Carl,* el Germanujo. Nova adreso: Internigito, Hotel Post, Disentis (Svis.).
*Pipinić, Josip,* el Zagreb (Kroat.), Njejin (gub. Ĉernigov, Rus.), Ekonomijo, Lipov. rog. Počtovi jaŝĉik 38.
*Roberts, Norman W.,* el Sheffield, militkaptito 82 623, Bahnbaukommando, Elbingerode a. Harz, via Hameln (German.).

* * *

Ni petas, ke oni bonvolu kompletigi tiujn listojn, sendante al ni la nomon kaj plenan adreson de la militkaptitaj Esperantistoj.

# REKLAMO

## KORESPONDADO

L = *letero.* PK = *poŝtkarto.* PI = *poŝtkartoj ilustritaj.* PM = *poŝtmarkoj.* bfl = *poŝtmarko sur bildflanko.*

BRIONE S. MINUSIO (Svisujo, Tiĉino). — S-ro Herbst, Pension Ruhe, PI.

BUENOS AIRES (Argentino). — S-ro José Catala, 2049, San Martin, PI (kun ĉiuj landoj).

EDINBURGH (Skotlando). — S-ro Geo. Scott, Donaldson's Hospital, PI, L (kun junuloj, por siaj 12-jaraj lernantoj).

GENÈVE (Svisujo). — S-ro Serge Chevnine, lernanto, 8, Bd des Philosophes, PI, L (komencanto, kun pli progresintaj junuloj).

GENÈVE (Svisujo). — F-ino Estelle Julien, 8, Av. du Mail, PI, L (komencantino, kun pli progresintaj samideanoj).

HJO (Svedujo). — S-ro E. V. Ahlin, Herrekvarn, PI, L (serĉas ankaŭ konstantajn koresp. pri vivkutimoj, idealaj temoj, k. t. p., el ĉiuj landoj).

HJO (Svedujo). — S-ro Gustav Blomkvist, 13, Nolgatan, PI, PM, L (kun ĉiuj landoj).

LOCARNO (Svisujo, Tiĉino). — F-ino Elden Varenna, PI.

MAC KEESPORT (Usono, P. A.). — S-ro Randolph Sundwall, 416, Willow St., PI (kun ĉiuj landoj).

MONTEVIDEO (Urugvajo). — S-ro Modesto Pernas, 1370, Av. Gonzalo Ramírez, PI, L.

MONTEVIDEO (Urugvajo). — S-ro Severino Castro, 1649, strato Yi, PI, bfl, L.

MORCOTE (Svisujo, Tiĉino). — S-ro Aminode Spadini, PI.

MURALTO (Svisujo, Tiĉino). — F-ino Maria Nicora, Villa Carmelina, PI.

MURALTO (Svisujo, Tiĉino). — F-ino Tabita Buetti, Torre dell' acqua, PI.

STENSTORP (Svedujo). — S-ro Einar Vilhson, Öja, PI, PM (kun ĉiuj landoj).

ST. KILDA (Aŭstralio, Victoria). — F-ino E. Turri, universitata diplomitino, 1, Mary Street, L (pri sociaj demandoj, religioj kaj literaturaj aferoj).

## PETOJ KAJ PROPONOJ

AVIZO: Pro la nunaj cirkonstancoj ni ne akceptas komercajn anoncojn el la militantaj landoj.

ADRESŜANĜO. — La nova adreso de S-ro Bruno Rifling estas: Bekkelagshöiden, Norvegujo.



PRESEJO BÜCHLER & KO., BERNO